broj en aliaj lingvoj kaj en 1.891 aperis la Unua Adresaro enhavanta adresojn de la tuta Eŭropo. En 1.905 pli ol 800 personoj kunvenis en la franca urbo Boulogne-sur-Mer por ĉeesti la historian eventon: Unua Universala Kongreso. Tie por la unua fojo, viroj kaj virinoj el la plej diversaj patrinaj lingvoj interparolis kaj interkompreniĝis per la simpla internacia lingvo. Tondra aplaŭdado de la ĉeestantaro premiis la interesan prelegon de la Grup-prezidanto. Sekve Sro. Castañón, hispane, parolis por klarigi la signifon de la emblemo de Esperanto, kiu estis tuj disdonota al la gelernantoj de la Elementa Kurso kaj kuraĝigis ilin surporti la emblemon kun ĝojo. Sro. López Nalda, profesoro de la Elementa Kurso, disdonis la emblemon al la gelernantoj.



S-ro López Nalda metas Esperanto-insignon al nova esperantistino.

Sekve oni projekciis tre interesan filmon pri la lastaj esperantaj eventoj en kiuj partoprenis valladolidanoj. La filmo, kiun projekciis ĝia aŭtoro Angel Díez, plaĉis multege. Fine la multnombra ĉeestantaro iris al apuda salono kie en amikeca etoso tostis por la fina venko de Esperanto.

La 14-an je la sama horo kaj en sama loko kiel la pasinta tago, prelegis pri "Esperanto kaj la Internaciaj Kongresoj" Sro. M. Cantalapiedra. La prelegonton prezentis la Prezidanto de la Grupo per mallonga, sed trafa paroladeto.

Sro. Cantalapiedra parolis hispane kaj inter alie li parolis pri la fakto ke kiam Esperanto aperis, estis en sia apogeo la internacia lingvo Volapük apogata de individuoj kaj naciestroj, sed kiam Esperanto aperis, tiu ĉi nova lingvo sukcesis super la aliaj. Poste Sro. Cantalapiedra klarigis ke Esperanto ne estis farita kiel lingvo jam perfekta, sed kiel fundamento por formi poste veran lingvon. Li parolis, ankaŭ, pri la Unua Internacia Kongreso de Esperanto kiel praktika pruvo de interparolado en la nova lingvo. Fine li diris ke malgraŭ la malfacilaĵoj Esperanto daŭras plu kaj "post la historia fakto de la Unua Internacia Kongreso, oni celebras ĉiujare Kongresojn en diversaj landoj, efikantajn kiel frapado sur la pordo de la indiferenteco de la estraroj kaj de la internaciaj organizaĵoj". Li finis dezirante ke ĉiam la unueco de Esperanto iru antaŭen. Je la fino de sia disertacio Sro. Cantalapiedra estis premiita per longa aplaŭdado.

Sekve S-ino M.ª Rafaela Urueña, Sekretariino de la Grupo, legis la verdiktojn de la Konkursoj "Fundación ESPERANTO".

Fine inter la ĉeestantaro estis lotumitaj libroj en Esperanto.

La 15-an, je la 13-a horo, Pastro Jonás Castro celebris, en Esperanto, meson en la Kapelo de la Altkolegio "La Salle". La biblian temon kaj la epistolon legis en la internacia lingvo F-ino Tina Tranque kaj Sro. Luis Hernández.

La ĉijaraj aranĝoj finiĝis per frata bankedo en centra restoracio de la urbo.

*L. Hernández*

## *VIGO*

### ESPERANTO-EKSPOZICIO EN LA TAGO DE ZAMENHOF

Kun granda entuziasmo, la esperantistoj de Vigo digne festis la 115-an datrevenon de la naskiĝo de Dro. Zamenhof, per diversaj aranĝoj.

Sabaton, la 14-an de decembro oni inaŭguris Esperanto-ekspozicion en la Reĝa Salono de "Centro Mercantil" de Vigo.

La saman tagon, je la 8-a vespere, la prezidanto de H.E.F., S-ro Angel Figuerola Auque prelegis en hispana lingvo pri "Posición del Esperanto entre los inventos sociales de nuestro tiempo y personalidad de su creador". La multnombra publiko, kiu plenigis la salonon varme aplaŭdis je la fino. Tuj sekve, nia Prezidanto donis al S-ro Camilo Veiga Prego la diplomon kiu atestas la decidon de la Hispana Esperanto-Federacio: nomi al S-ro Veiga Prego ĝian honoran membron. Per



Angulo de la Esperanto Ekspozicio.

kortuŝaj vortoj, S-ro Veiga Prego dankis la decidon de la hispana esperantistaro. Entuziasmaj aplaŭdoj metis finan punkton al la aranĝo.

La 15-an de decembro, Tago de Zamenhof, 42 portugalaj gesamideanoj partoprenis la feston, inter ili 15 geknaboj de la Curso de Foz do Douro, invititaj de la Grupo "Paco kaj Amo" de Vigo. Vizitinte la Esperanto-Ekspozicion, la membroj de la Grupo "Paco kaj Amo" montris la urbon al siaj gastoj, kunvenante ĉiuj en "Círculo Mercantil" kie la ĝenerala publiko, tie kolektiĝinta povis konstati la praktikan valoron de la Internacia Lingvo.

La ekspozicio daŭris ĝis la 19-a de decembro kaj ĝi estis tre vizitata.

La ĵurnalo kaj Radio Vigo daŭre raportis pri la festo.

*ZARAGOZA*

Kiel ĉiujare la esperantistoj de Zaragoza memorfestis la datrevenon de la naskiĝo de Dro. Zamenhof.

La 13-an, Radio Zaragoza disaŭdigis Esperanto-programon. En ĝi la konata radio-parolisto "Gustavo-Adolfo" bele glosis la signifon de la festo kaj sekve li prezentis diversajn faktojn rilatantajn al la vivo de Esperanto en nia urbo. La programo finiĝis per la kantado de "Esperanto la lingvo por ni".

La 14-an, je la 10-a vespere, pluraj gesamideanoj kunvenis en centra restoracio por partopreni en frata bankedo.

La 15-an vespere devus okazi kunveno en la Klubo "Frateco", sed pro la forpaso de nia samideano José Guío, ne okazis tiu aranĝo.

## H. E. J. S. - TENDARO

Okazonta en Zaragoza de la 27-a ĝis la 30-a de marto 1975

La Hispana Esperanta Junulara Sekcio (H.E.J.S.) decidis okazigi junularan renkontiĝon, por pristudi la laboron realigitan kaj realigotan.

La renkontiĝo okazos en Zaragoza.

En venonta numero de BOLETIN kaj en la bulteno de H.E.J.S. ni informos pri la programo kaj kondiĉoj.

Konstanta adreso: H.E.J.S., Junulara Sekcio de Hispana Esperanto-Federacio, str. Barrencalle Barrena, 7, 1.º, BILBAO-5.

# VIVO DE LA GRUPOJ

## *CALLOSA DE SEGURA*

Grupo de aktivaj samideanoj de Callosa de Segura (Alicante) organizis kaj realigas tre interesan kampanjon por disvastigi Esperanton. Sekve de tiu kampanjo, en la monato oktobro, oni komencis kurson de la Internacia Lingvo, por geinfanoj en la Nacia Lernejo "Primo de Rivera"; la infanoj apartenas al la 6ª, 7ª kaj 8ª kursoj; la gelernantoj estas dividitaj en tri grupoj (la nombro de lernantoj estas 70) kaj la lecionoj okazas ĉiusemajne, mardon, ĵaŭdon kaj vendredon. Gvidas la kursojn S-ro Antonio Calvo Guillén helpate de nia samideano S-ro Bernabeu Franco.

La klaso de Esperanto ne estas deviga, sed ĉiutage, la intereso por la Internacia Lingvo kreskas en la infanoj, kiuj jam inter si sufiĉe babilas en Esperanto.

Krom la kurso por geinfanoj, ĉiusabate, de la 7ª ĝis la 9ª vespere okazas kurso de Esperanto por plenkreskuloj, gvidata de S-ro Francisco Zaragoza Ruiz; partoprenas tiun kurson 25 gelernantoj kiujn oni interesigas ne nur pri la lingvo, sed ankaŭ pri la interna ideo, por ke ili, samtempe, parolu kaj sentu la lingvon.

Plie, oni devis komenci kurson per korespondado pro peto de pluraj simpatiantoj en diversaj cirkaŭantaj urbetoj kaj vilaĝoj.

La esperantistoj en tiu bela urbo kunvenas ĉiun dimanĉon kaj festotagon en kafejo "Brasil", kie ili akceptas landajn kaj eksterlandajn vizitantojn en esperantista medio.

La senlaca laboro de niaj samideanoj de Callosa de Segura bone fruktiĝas kaj ni esperas de ili gravajn sukcesojn en baldaŭa estonto.

## *GIJON*



Niaj samideanoj de Gijón pozas kun Patro Irala.

La 1-an de Novembro je la 12-a horo matene, la Grupo Esperantista "Jovellanos" kunvenis okaze de vizito al nia sidejo, de samideano kaj eminenta misiisto, Pastro Narciso Irala, S. J.

Li parolis pri siaj personaj impresoj dum sia misio en Ĉinujo, kiu daŭris 19 jarojn, kaj siaj spertoj kiel Esperantisto en Ĉinujo kaj Brazilo.

Li parolis ankaŭ pri siaj vojaĝoj kaj sia laboro kiel kuracisto per psikoterapio, oni lin nomas "Misiisto de la Feliĉo" kaj lia devizo estas; "Per la Feliĉo al Saneco".

Li opinias jene: "Pli ol 60 % el la malsanoj estas spiritaj, ne fizikaj, kaj la kaŭzoj de tiuj ĉi malsanoj estas; la kolero, la ekscesoj, la ĉagrenoj, la timo, la zorgoj, la malgajeco ktp; ni forigu tiujn ĉi malsanojn de nia spirito, kaj tuj, nia organismo funkcios bone kaj ni estos feliĉaj".

Vere ni pasigis agrablan kunsidon kune kun nia samideano, Pastro Irala.

Fine, ni omaĝis nian samideanon per honora vino.

S. Mulas

Dum la lasta Ĝenerala Kunveno de la Esperantista Grupo de Valencia, estis elektita jena Estraro:

Prezidanto: S-ro Johano Devís Calpe. Sekretario: S-ro Francisko Marco Máñez. Kasisto: S-ro Jozefo Pérez Catalá. Bibliotekisto: S-ro Jozefo Soler Sempere. Del. Radio: S-ino Mikaelino Malón Fenero. Voĉdonantoj: S-roj Rafaelo Herrero Arroyo, Santiago Miquel Planas, Felikso Navarro Clemente, Jozefo Seguer García, Domeniko Domenech Savall kaj Emiljo Verdú Ferrandis.

## ATENCION

La Junta General de la Federación Española de Esperanto, celebrada el día 22 de julio de 1974, en Valladolid, acordó elevar las cuotas de miembro de la Federación en sus distintas categorías, habiendo quedado fijadas como sigue:

Miembro abonado, 250 pesetas; Miembro protector, 400 pesetas; Miembro numerario, 100 pesetas. Estas cotizaciones son anuales.

El miembro vitalicio seguirá cotizando 5.000 pesetas en una sola aportación.

En el número de BOLETIN (septiembre-octubre 1974), fueron publicados los acuerdos de la Junta General, pero como sin duda no todos los federados los leyeron, ruego a todos los miembros de la Federación tengan en cuenta el acuerdo de elevación de las cuotas al hacer el pago de las mismas.

## NI GRATULAS

Duoblan gratulon al nia samideano José M.ª Galofré Domingo, de Sabadell, kiu koincide kun la naskiĝo de sia unua filo publikigis sian unuan libron de poemoj en hispana lingvo.

La prezentado de la libro okazis la saman tagon kiam ili festis la bapton de sia filo Ivan.

La loka ĵurnalo tre favore raportis pri la libro de nia samideano. Denove, koran gratulon.

---

Ankaŭ ni kore gratulas niajn samideanojn, geedzojn Zadravec-Ferrer Hervás, li jugoslavo, ŝi hispanino, pro la naskiĝo de ilia unua filino, Elisa, kiu tutcerte en baldaŭa estonto estos aktiva membrino en niaj vicoj.

## ESPERANTO EN LA FILATELIA

En el programa de la XVI Exposición Filatélica, Grupo de Empresa SEAT E. y D., aparece bajo el título "El Esperanto como tema filatélico" un artículo de Evaristo Gil Pallarés, de Barcelona, ilustrado por matasellos especiales de diversos Congresos de Esperanto, celebrados en España.

Es interesante la labor que raliza nuestro compañero Evaristo Gil Pallarés en el campo de la filatelia. Nuestra felicitación.

## ATENTU

En la monato junio, en eldono de Hispana Esperanto-Federacio, aperis nova dokumento de CED en hispana lingvo. Ĉifoje temas pri la Dok. CED, A/II/I

"El problema lingüístico en las relaciones internacionales"

Aŭtoro de la dokumento estas Profesoro Dro. Ivo Lapenna. Originala titolo en Esperanto, "La lingva problemo en la internaciaj rilatoj". Trad. Inés Gastón. Broŝuro 36-paĝa, 22 × 15 cm. Prezo 15 pesetoj.

Nura distribuanto: Eldona Fako de H.E.F., ĉe Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA (Hispanujo).

Specialaj rabatoj laŭ la kvanto mendita.

## MAURICE MONGEOIS

Kun profunda malĝojo, mi sciigas al vi, ke fine de Septembro forpasis preskaŭ subite, pro cerba kongesto, en la aĝo 67 jaroj, nia bona amiko Maurice Mongeois.

Li partoprenis kelkajn hispanajn kongresojn, kaj certe multaj hispanaj esperantistoj memoras pri li.

Li estis esperantisto de antaŭ kvardek jaroj, kaj Prezidanto de la Esperanto-Grupo en Epernay.

Ni estas tute certaj, ke en Esperantujo, la sciigo pri lia morto trovos doloran eĥon, speciale en tiuj, kiuj havis la ŝancon koni persone lin.

Pacan ripozon por li!

Volonte mi aperigas la ĉi-supran tristan informon, s-ano Mongeois ĝuis la simpation de la hispanaj esperantistoj; li estis nia bona amiko.

Por lia familio kaj speciale por la Esperanto-Grupo en Epernay, nian sinceran kondolencon.

## P. JOZEFO LOPEZ GOZALBEZ

Post longa kaj suferiga malsano mortis en Valencia, la dekunuan de pasinta Novembro Patro Jozefo López Gozálbez, iama estro de la franciskanaj monaĥejoj de Alcoy, Cullera kaj Valencia.

Li estis eminenta teologo kaj lingvisto, ĉar li majstris, krom kastila kaj valencia, latinan, portugalan, italan, germanan, francan kaj anglan lingvojn. Li estis fervora esperantisto; okaze de meso dum la esperantistaj solenaĵoj li predikis en Esperanto kaj liaj oratoraĵoj estis tre ŝatataj de la fideluloj.

Li estis grandanima. Okaze de la enterigo de samideano kiu deziris esti civile enterigita, li ne hezitis prezidi la akompanantaron. Li klarigis: "Li estis bonegulo kaj nur Dio povas decidi pri lia fina sorto!". Tiel, monaĥestro prezidis civilan enterigon, kuraĝante endanĝerigi sin, en epoko kiam oni ne allasis detalojn.

Li lasas neanstataŭigeblan malplenon en la vicoj de la valencia samideanaro.

Ke li pace ripozu!

## JOSE GUIO FIERRO

Post longedaŭra malsano, la 15-an de decembro, en sia 57 jaraĝo, forpasis en Zaragoza nia samideano José Guío Fierro.

Fervora esperantisto, entuziasma federaciano kaj aktiva membro de "Frateco", li multe laboris en la disvastigo de Esperanto kaj klarigis plurajn kursojn de la Internacia Lingvo, same en nia societo kiel en la vegetarana asocio.

Pro sia sindonemo kaj afabla karaktero, li ĝuis la simpation kaj amikecon de ĉiuj personoj konantaj lin; simpatio kaj amikeco, kiuj manifestiĝis dum la enteriga ceremonio.

Ke li pace ripozu!

Por lia familio kaj por la Societo "Frateco", kiu perdis unu el siaj plej aktivaj membroj, nian sinceran kondolencon.

## LUTO EN LOS ESPERANTISTAS ASTURIANOS

## CANDIDO CIENFUEGOS

Sí, es cierto. Los esperantistas asturianos estamos de luto.

Cándido Cienfuegos, que allá por los años veinte había iniciado sus conocimientos acerca del Esperanto, vio en él un motivo eficaz para la buena comprensión de los pueblos, si estos se decidían a su aprendizaje. Pero para ello era necesario propagarlo a los cuatro vientos. Había que preparar a la juventud para un próximo futuro, para acortar distancias lingüísticas y hacer progresar la esperanzadora amistad entre todos los seres humanos, que eso era lo que precisamente deseaba el autor del Esperanto.

Cándido Cienfuegos, consigue que algunos amigos se le sumen en sus pro-

pósitos, y llega a crear un Grupo Esperantista en el GRUPO DE EMPRESA DE FABRICA DE MIERES.

Después de unos meses de actividad, este Grupo por incomprensibles causas, desaparece. No hay cabida en FABRICA DE MIERES.

No se desanima Cándido Cienfuegos, y el Grupo es llevado a EDUCACION Y DESCANSO, donde se le acoge como una faceta más en pro de la cultura. Fue allí donde prosperó más la afición, ya que concurría a las clases un buen número de alumnos, donde como premio a sus progresos en el Esperanto, Cándido Cienfuegos obsequiaba a los alumnos que tuvieran carta del extranjero por primera vez, con una insignia esperantista que se les imponía en un acto preparado para ello. Tal era su pasión por el Esperanto que no le importaba ningún sacrificio con tal de poder propagar su ideal esperantista.

A continuación comenzó otro Curso en los locales de Falange donde también asistían muchos y muy buenos alumnos. Por último empezaron Cursos en los locales del Polideportivo (Casa de la Juventud), lugar donde se celebraron varias reuniones anuales de los Esperantistas Asturianos.

Con sus trabajos y tesón, logró que se llevara a efecto la celebración en Mieres del XXX CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO. La fatalidad para todos fue la gravísima enfermedad que le retuvo en cama desde unos meses antes de la celebración del Congreso hasta bastantes días después de su clausura. Fue para él una ilusión frustrada no poder estar presente en los actos del mismo, por cuya celebración él tanto había trabajado.

Aquí debemos expresar nuestra gratitud al entonces Alcalde de Mieres, D. Guillermo Lorenzo, que se entregó de lleno para que el Congreso no defraudara a nadie, como así ocurrió, constituyendo su celebración como un homenaje a Cándido Cienfuegos. Creo que todos lo hayan visto como un premio a su tesón y fructífera labor.

Una vez curado —parcialmente—, nuestro amigo sigue en la brecha y ahora no sólo en Mieres, sino que se traslada a Avilés y consigue dar un curso que se repite al año siguiente, en el GRUPO DE EMPRESA DE ENSIDESA. No descansa y da otro a los ferroviarios de Ujo y a continuación en el TELE-CLUB de esta localidad donde arraiga bien y se crea un Grupo de Esperanto.

Este hombre intensifica su labor en la difusión de la Lengua Internacional, de tal forma que intenta comenzar otro curso en Turón y otro en Murias, localidades de Mieres, pero la fatalidad también en esta ocasión parece perseguirle, pues es víctima de una paralisis que le inmoviliza medio cuerpo, enfermedad de la que se fue recuperando muy lentamente. Así y todo, asiste a los Congresos Nacionales, Alicante, Vigo, Madrid, Valladolid..., pero Cienfuegos ya caminaba mal, pues las enfermedades le agotaron. El es todavía joven y solo vive para el Esperanto. Deseaba asistir al Congreso de Lérida para lo cual ya estaba haciendo proyectos.

Finalmente tuvo que trasladarse a Gijón con su hijo. La marcha de Mieres fue muy sentida por él, dado que en este lugar dejaba a sus colaboradores de siempre y en Gijón se iba a encontrar solo en sus tareas de difusión. No obstante logró el pasado año explicar un Curso de Esperanto en Pumarín con un buen plantel de alumnos, algunos de los cuales asistieron por primera vez a un Congreso, en Valladolid.

Era tal el entusiasmo que sentía por el Esperanto que su conversación siempre giraba sobre el mismo tema. Como jubilado que era, podía haber solicitado el traslado de sus haberes a Gijón; pero no, él quería venir a Mieres para hablar y cambiar impresiones con los amigos que dejaba aquí; con los que él consideraba verdaderos amigos, aunque para él eran amigos todos los esperantistas.

El día 28 de diciembre a las cuatro de la madrugada, en Gijón, dejaba de existir Cándido Cienfuegos, al que llamábamos los amigos "Cent-fajroj".

Los restos mortales de Cándido Cienfuegos han sido traídos a Mieres, su pueblo natal, y nosotros, sus amigos entrañables, nos hemos enterado de la fatal noticia, dos horas antes de su llegada a Mieres. Por tal motivo, pocos esperantistas hemos podido acudir a rendir el último tributo de amistad al que fue un fiel amigo y gran paladín del esperantismo en Asturias.

¡Cándido Cienfuegos! que Dios te acoja en su seno y que tu estrella verde, símbolo de tu esperantismo aprendido en la obra del Dr. Zamenhof, sirva de guía a todos aquellos que fueron tus alumnos.

*Silvestre Manuel Ardura*

# REVUO DE LA REVUOJ

Inter la artikoloj laste aperintaj en la Esperanta gazetaro elstaras *Por ke estu tute klare*, publikigita en ESPERANTO, n.° 827, novembro 1974, kaj verkita de ties redaktoro. Ĝi estas alia brila modelo de la "novdemokratia, liberala ĵurnalismo" nun praktikata ankaŭ en la organo de UEA.

Ie, en ĉi tiu sama numero de BOLETIN, d-ro Ivo Lapenna analizas la artikolon de sia persona vidpunkto, sed mi deziras de mia flanko altiri la atenton de la legantoj al kelkaj aspektoj ne tuŝitaj de la eks-prezidanto de UEA.

*Por ke estu klare* inkluzivas la demisian leteron de prof. Juan Régulo kaj la jenan komenton de la redaktoro: *La aperigo de la letero de prof. Régulo neniel signifas, ke ni iel ajn aliĝas al la enhavo de tiu letero, kiun ni trovas bazita sur aprioraĵoj kaj antaŭjuĝoj.*

Tiel oni skribas la historion! Kial, sinjoro redaktoro, vi ne reportis al viaj legantoj, ke vi, kaj aliaj en gvidaj postenoj en UEA, ĉiamaniere petegis, repetegis, flatis kaj kaĵolis profesoron Régulo, ke li retiru sian UNUAN demisian leteron? Prof. Régulo, certe sub la impreso, ke li evitas damaĝon al la ĝenerala Esperanto-movado, cedis al viaj premoj, petoj kaj flatoj, sendis alian demision —pli konforman al viaj deziroj, sed ne al liaj principoj— kaj tiam vi pagis lian bonvolon kaj lian sanan intencon, deklarante, ke lia demisia letero baziĝas sur aprioraĵoj kaj antaŭjuĝoj! Mi ne scias, kiel prof. Régulo reagos ĉe via absolute sentakta kaj senkonsidera komento, sed espereble li scios rebati tiel basan frapon al sia konsekvenca esperantismo. La esperantistoj rajtas scii la veron kaŝitan sub la publikigita demisia letero de prof. Régulo kaj la rolon luditan en ĉi tiu afero de la sinjoro redaktoro mem, ĉe kies lipoj la finaj vortoj de lia artikolo: *Ankaŭ en la Esperanto-movado oni rajtas atendi iom pli de tiu kondutmaniero, kiun oni postulas de la sportistoj, senrigarde ĉu ili venkas aŭ malvenkas,* montras speciale groteskan humoron aŭ dik-haŭtan cinikecon.

La sinjoro redaktoro de ESPERANTO kun tono spitema kaj aroganta (klara simptomo de baza nesekureco kaj de intima ŝanceliĝo) aldonas: *Tio ĉi ne estas revuo kies ĉefa tasko estas kontentigadi la ofenditajn dignojn de la eksaj funkciuloj de UEA.* Per tiaj vortoj, la sinjoro redaktoro klopodas kredigi al la naivaj legantoj, ke la post-hamburga krizo eksplodis pro *personaj* motivoj, eĉ se li scias tre bone, ke la krizo fontas de *principaj* premisoj kaj de *ideologiaj* diverĝoj, kaj ke la personoj havas nur tre akcesoran gravon. Ĉu pro *ofendita digno* de eksaj funkciuloj eksiĝis simplaj membroj kaj tutaj organizaĵoj?

La sinjoro redaktoro diras poste: *Fine, por ke oni ĉesu spekulacii* (tiel!) *tiurilate, necesas konfesi, ke la hamburgaj eventoj rezultigis apenaŭ 5 eksiĝojn el la membreco* (tiel!) *de UEA, kun klara indiko de la hamburgaj ŝanĝoj kiel motivo.* Ĉu la sinjoro redaktoro parolos iam pri la eksiĝoj sen klara indiko, aŭ tute sen indiko, kiuj ŝuldiĝas al la hamburga puĉo, kiel li tre bone scias?

La sinjoro redaktoro daŭrigas: *En la realo, ekzistas financa krizo de UEA, dum la t. n. organiza krizo ekzistas nur en la kapoj de tiuj, kiuj la Asocion —ĉar ĝi ne plu estas gvidata de ili— volonte vidus disfalanta kaj malintegriĝanta.*

Pri tio, ĉu la organiza krizo ekzistas aŭ ne, kelke da signifaj komunikoj kaj decidoj diverslandaj aperas en ĉi tiu numero de BOLETIN. Kaj aliaj sekvos, pro la simpla kialo, ke la nuna estraro de UEA reprezentas nek la opiniojn nek la konvinkojn de la granda plimulto de la membroj, kiuj ribelas kontraŭ la altrudiĝo de diktatoreca kaj arbitra minoritato, tre kompetenta en postkulisaj manovroj kaj en kovado de intrigoj kaj koluzioj, sed absolute nekapabla fari ian konstruan laboron, kaŭze de siaj internaj kontraŭdiroj kaj de sia politika submetiteco al la disciplino de antineŭtrala ideologio.

Kaj eble estas tempo, ke la sanaj elementoj en la Esperanto-movado komencu jam pensi pri la neceso starigi novan Asocion kun plenaj garantioj kontraŭ la intrigoj de senskrupulaj karieristoj kaj kontraŭ la manovroj de politikaj zelotoj de ajna koloro.

——oOo——

Rilate al du specifaj punktoj en *La revuo de la revuoj* de la lasta numero de BOLETIN, d-ro Ivo Lapenna faris la jenajn precizigojn, kiujn ni volonte aperigas:

*«1. La unua rilatas al komentoj de s-ro De Diego pri la nuna kaj antaŭa estrarano pri financoj. Ne nur, ke la ĉefa respondeculo ne donis «alarmon pri la malbona financa situacio de UEA», sed, multe pli, mi estis rekte misgvidata dum la tuta jaro 1973 pri la financa situacio. Plurfoje mi demandis la direktoron pri la stato de la financoj de UEA, kaj mi ĉiam ricevis respondon, ke verŝajne estos ia malgranda deficito, sed certe ne pli signifa. Eĉ en sia cirkulero de 01.11.1973 al mi, kun kopio al aliaj tiamaj estraranoj, la direktoro asertis, ke la enoficigo de 2 pliaj geoficistoj povos okazi «sen grandaj timoj el financa vidpunkto». Tio evidente rilatis al la jaro 1974, kiu denove montros grandan deficiton, dum rilate la jaron 1973 la deficito plian fojon eĉ ne estis menciita. Mi eksciis pri la deficito nur la nokton antaŭ la aprila kunsido de la estrarano en 1974 kaj, kompreneble, estis ŝokita ne nur pro la alteco de la deficito de 60.000 gld., sed ankaŭ pro la fakto, ke la alarmo ne estis donita almenaŭ unu jaron antaŭe. Pri tio evidente kulpas la estrarano pri financoj, parte ankaŭ la direktoro de la CO. Mi ankoraŭ aldonu, ke la estrarano pri financoj forlasis la kunsidon de la estraro tuj en la komenco, tial, ĉar la tiama estraro per plimulto de voĉoj malakceptis lian proponon, ke la estraro esprimu malkonfidon al la tiama vicprezidanto Prof. Popoviĉ pro la kontoj de UK en Beograd. La estrarano pri financoj ne nur neglektis la kontojn por 1973, sed ankaŭ ne prezentis buĝetproponon por 1974, tiel ke nur en Hamburgo la tiama estraro povis dum mallonga kunsido «pritrakti» la aferon, fakte lasi ĉion en la manoj de la Komitato. En ligo kun tio mi deziras atentigi, ke HEROLDO kaj kelkaj aliaj disfamigas plian malveron pri la kvazaŭa «katastrofa» financa situacio de UEA. La fakto estas, ke, malgraŭ la deficito de 60.000 gld., la kapitala konto —kaj ĝi estas decida— malaltiĝis nur je 10.000 gld. Efektive, la asocia kapitalo estis 50.000 gld. en 1948, dum fine de 1973 ĝi estis pli ol 265.000 gld. Se oni aldonas la veran valoron de la domo, ĝi eĉ estas multe pli granda.*

*2. Due, s-ro De Diego citas el la bulteno de d-ro A. Bormann (la patro de la vicprezidanto d-ro W. Bormann), laŭ kiu «publikigi kontraŭajn opiniojn en la UEA organo ne estis permisite». Verŝajne d-ro A. Bormann celas al la reagoj ricevitaj post la aprila artikolo en la revuo «Esperanto». La fakto estas, ke mi petis la redaktoron en majo 1973 publikigi* absolute ĉiujn *negativajn reagojn (verŝajne estis deko da ili) kondiĉe ke li publikigu nur dekonon de ĉiuj pozitivaj reagoj kun fortaj apogoj al la tiama linio de UEA (en tiu tempo entute ĉ. 200, poste minimume 300). Kiel konate, la redaktoro rifuzis tion fari kaj ĉiuj «negativaj reagoj», kompreneble, estis publikigitaj en «Heroldo» dum la pozitivaj neniam estis publikigitaj. Do, precize inverse de tio, kion asertas la bulteno de d-ro A. Bormann. Cetere, se tiu aserto estus vera, la «kontraŭaj opinioj» ja povus abunde aperadi en la nuna «Esperanto». Kie ili estas? Eĉ ne serioza agadprogramo ekzistas.»*

——oOo——

D-ro P. Denoël, estrarano de UEA sendis al la redakcio de BOLETIN la jenan leteron:

*«La 14-an de decembro 1974. Al S-ino Inés Gastón, redaktorino de BOLETIN. Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza. Kopie al Hispana Esperanto-Federacio. — Estimata s-ino Gastón: Kun danko mi ricevis preskaŭ sinsekve (verŝajne pro la poŝta strikado en Francio) la n-ojn 69 kaj 70 de via revuo. — Permesu unue ke mi sincere gratulu vin pro la bela kaj plaĉa prezento de via «Boletín», klare redaktita kaj agrable ilustrita. — Bedaŭre mi ne povas konsenti pri la parto de la enhavo, ekskluzive direktita kontraŭ la nunaj estraro kaj komitato de UEA, kiuj estos la gvidado de la asocio dum la venontaj tri jaroj. De nun tiu gvidado estas ŝarĝita de la promociigo ekstera de la L.I., de la reprezentado de la movado antaŭ internaciaj instancoj, kaj krome —sed esence— de la restarigo de financa kaj administra bazoj de la asocio. — En viaj n-oj 69 kaj 70 (Revuo de la revuoj) vi citas unu frazon*

*el mia respondo al demando de «Heroldo de Esp.», tuj post la U. K. en Hamburg, nome «Polemikoj devos ĉesi», en kiu via kunlaboranto ŝajnas vidi iun vualitan minacon. — Laŭ tiu frazo, la ĉeso de la polemikoj estas la logika kondiĉo por restarigo de sana kaj efika kunlaborado inter ĉiuj, pri kiu mi ĵus parolis en la teksto. Cetere konfirmas tiun sencon de verbo «devas» la tuj sekvanta frazeto: «Vundoj devos refermiĝi». — La polemikoj —kiuj daŭras almenaŭ de aprilo 1974— normale ĉesos kaj la vundoj nature refermiĝos, kiam la pasia ondo naskiĝinta okaze de la 59-a U. K. fine kvietiĝos, kiam ankaŭ ĉiuj esperantistoj komprenos la vanecon de tiu interfrata batalo. Tiu senĉesa ripetado de samaj asertoj, supozoj kaj konjektoj, kaŭzas malkonfidan etoson en UEA, kiu riskas malfortigi la asocion, kaj estonte krei kromajn streĉojn de ĉiuj por garantii plenan vivkapablon de la sola neŭtrala esperanto-movado. Kun decidemo la nuna estraro rigardas al estonteco kaj ĝi ĉion faros, en finfine reveninta konkordo kaj en al ĉiuj necesa neŭtraleco, por antaŭeniri sur la vojo al la venko de Esperanto. — Via afableco certe ebligos, ke viaj legantoj vidos tiun ĉi leteron. Kun koraj salutoj kaj bondeziroj, sincere via, P. Denoël.»*

Ĉar d-ro Denoël aludas ĉi rubrikon, "Revuo de la revuoj", permesu, ke mi komentu lian leteron.

Nu, mi ne vidas ajnan minacon, vualitan aŭ ne, en lia frazo "Polemikoj devos ĉesi". Mi vidas nur la intencon, kaj la praktikadon, de la nuna estraro de UEA, ignori ĉian kritikon, ĉian nefavoran reagon, ĉian kontraŭan opinion, obeante tiel la principon de la novstalinisma dialektiko, ke problemoj, malkonsentoj —kaj eĉ personoj el karno kaj ostoj— tute ne ekzistas, se oni ne mencias ilin.

Kaj mi miras, ke, kiam laŭlonge de la jaroj oni senĉese artikolis, pamfletis, cirkuleris, versis, kaj eĉ anonime insultis kontraŭ la persono de d-ro Lapenna kiel reprezentanto de la sendependa neŭtraleco de UEA, d-ro Denoël ne pensis, nek proklamis, ke "polemikoj devos ĉesi".

Aliflanke, mi bedaŭras, ke d-ro Denoël forgesis klarigi kaj konkretigi en kio konsistas la senĉesa ripetado de supozoj kaj konjektoj, ĉar la fakto, ke UEA perdis sian sendependan kaj neŭtralan staton klaras kiel la taga lumo. Ĉu la nuna estraro de UEA kuraĝus oponi al la sugestoj, instrukcioj kaj ordonoj de k-do Aleksiev kaj ties grupo —la vera kaj efektiva gvida instanco de UEA— sen senti tuj la pezan efikon de ĝia kuratoreco?

Almenaŭ pri unu afero mi konsentas kun d-ro Denoël: vanas protesti kontraŭ tia situacio. La manoj nun vere direktantaj UEA-n havas pli ol sufiĉan forton, celkonscion kaj disciplinon por konstante reteni la Asocion... aŭ por detrui ĝin. Ni ne scias, d-ro Denoël, ĉu vi kunlaboris konscie aŭ nekonscie puŝi UEA-n al tiel bedaŭrinda sorto. Tamen ni dankas vin pro via letero kaj publikigas ĝin, kvankam la organo de UEA, de sia flanko, absolute rifuzas aperigi la protestojn de aliaj esperantistoj, tial, ke "polemikoj devos ĉesi", kaj tial, ke UEA forskuis de si la "diktatorecan reĝimon" de d-ro Lapenna kaj starigis en sia organo la liberecon de opinioj.



En NOV-ZELANDA ESPERANTISTO, n.º 377, 4-1974 ni legas: «*Eksterordinare grava anonco.* S-ro E. R. Dearnley, vicprezidanto de NZEA havas plezuron informi siajn multajn geamikojn, ke li fine finaĉiĝis. La geedziĝo okazos en New Plymouth en decembro 1974 aŭ januaro 1975».

Ni ĉiuj scias pri la ne tre granda entuziasmo kun kiu multaj viroj atendas sian nerevokeblan ŝanĝon al edza stato. Sed, ke s-ro E. R. Dearnley *finaĉiĝis*, ĉar edziĝonta en decembro aŭ januaro, ŝajnas troa malespero. Kaj la amuzega preseraro de NOV-ZELANDA ESPERANTISTO sendube estos abunde uzata de niaj ŝercistoj kaj humuristoj. Ĉu ne, amiko Beaucaire?
Serioztone jam, gratulojn al la novaj geedzoj, kaj aplaŭdojn al la preseja koboldo de NOV-ZELANDA ESPERANTISTO pro lia feliĉa inspiro.

Kaj ĝis la proksima revu-rikolto, kun plej koraj salutoj,

*Fernando de Diego*

# VIIª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

9 - 10 - 11 Majo 1975



Ĉefa enirejo de la katedralo.

Denove la Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazos en nia lando; ĉijare en Huesca, ĉefurbo de la Aragona Pireneo.

Huesca, la "Urbs Victrx Osca" romana, estas urbo vizitenda de tiuj, kiuj ŝatas trankvilajn urbojn, kiuj kune kun siaj modernaj kvartaloj konservas sian antikvan parton kun elvokaj stratoj kaj placetoj. La katedralo, en alia tempo moskeo, estis aranĝita kiel katedralo en 1097. Je la fino de la XIIIª jarcento, dum la regado de Jaime la Iª, komenciĝis la konstruado de la nuntempa katedralo, kiu estis finita proksimume en la jaro 1500; ĝi estas de gotika stilo kvankam ĝi konservas arkitekturajn postsignojn de antaŭaj epokoj. Belega estas la ĉefaltaro. verko de Damián Forment. Ĝi estas el alabastro en kiu sin kombinas la gotika kaj la renesanca stiloj.

La Literatura Universitato, kiun fondis Pedro la IVª, en la jaro 1354, estis konstruita sur la muzulmana "Zuda", tie ankoraŭ konserviĝas romanikaj postsignoj; la salono, kies tradicio ligiĝas al la legenda epizodo "Campana de Huesca" okazinta dum la regado de Ramiro la Monaĥo, kaj kiu estas unu el la altoaragonaj tradicioj.

La Hispana Turisma Esperanta Sekcio kiel respondeca organizanto de tiuj renkontiĝoj en Hispanujo, jam komencis la oportunajn paŝojn por ke la programo de la VIIª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo estu inda ĉenero en la vico de tiuj internaciaj aranĝoj.

Vendredon, la 9-an de Majo, krom akcepto de la alvenantoj, okazos vespere, prelego pri Esperanto por la ĝenerala publiko. Verdire, tiaj prelegoj okazos ankaŭ laŭlonge de tiuj monatoj, ĝis la okazigo de la renkontiĝo, fare de esperantistoj de Zaragoza. Sabaton, la 10-an, matene ni vizitos la urbon kaj ties vidindaĵojn oni klarigos surloke en Esperanto; por tiu mateno estas antaŭvidita la Oficiala Akcepto en la Urbodomo. Posttagmeze okazos duontaga ekskurso, plej eble al Alquezar. Dimanĉon, kiel kutime okazos tuttaga ekskurso al Kastelo de Loarre.

Ankaŭ estas antaŭvidita folklora regiona festo.

La organizadon kaj efektivigon de la aranĝoj prizorgas rekte la Hispana Turisma Esperanta Sekcio, kiu faciligos ĉiajn informojn al la interesatoj.

Ni jam rezervis loĝejon en Hotelo Pedro Iº. Tagmanĝoj kaj vespermanĝoj estos komunaj en diversaj restoracioj.

Mi ripetas kion mi jam diris en pasintaj okazoj. Kvankam ĉi tiuj sinsekvaj internaciaj renkontiĝoj estas organizitaj de francaj kaj hispanaj samideanoj, ankaŭ alilandaj esperantistoj estos bonvenaj. Ni esperas la partoprenon de ĉiuj samideanoj, kiuj dum tiuj tagoj ferios en Hispanujo.

## HISPANA TURISMA ESPERANTA SEKCIO

Pluraj esperantistoj petis de ni la organizadon de komuna vojaĝo al Romo, dum la jaro 1975. Sekve, ni organizas ĝin koincide kun la IKUE-kongreso, okazonta en Romo de la 11-a ĝis la 16-a de aŭgusto 1975.

Principe, ni organizas vojaĝon de la 10-a ĝis la 20-a de aŭgusto, vizitante ankaŭ la italajn urbojn Florenco kaj Ĝenovo.

Proksimuma prezo: 17.000 pesetoj.

Informas: H.T.E.S., ĉe I. Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA.

---

## 27ª IFEF-KONGRESO EN VILLACH (Aŭstrujo)

Okazonta de la 10-a ĝis la 16-a de Majo 1975

Kongreskotizo ĝis la 14ª de aprilo 1975:

Kongresano 320 ŝillings; Familianoj emeritaj samideanoj kaj junuloj ĝis 20 jaroj aĝaj, 160 ŝillings. Simbola aliĝo 60 ŝillings.

Estas organizitaj ekskursoj al "Alpoj de Villach", "Angulo tri landoj" kaj "Worther Lago", kies prezoj estas 50, 70 kaj 210 ŝillings respektive. La du unuaj estas duontagaj, la alia tuttaga; la prezo de tiu ekskurso inkluzivas tagmanĝon kaj bileton por la ŝipo.

Ĉar la prezo por la loĝejoj estas tre varia, interesitoj petu informojn al la Estraro de HEFA, str. Ronda San Antonio 46-50, 2.º, 4.ª. BARCELONA-11.

La IFEF-POSTKONGRESO okazos en SALZBURG (Aŭstrujo) de la 17ª ĝis la 19ª de Majo 1975.

Estas antaŭvidita tre agrabla programo. La kongreskotizo estas 150 ŝillings. La paginto de la kotizo rajtas partopreni ĉiujn aranĝojn laŭ la programo sen plua pago.

Informoj ĉe la Estraro de HEFA en BARCELONA.

---

## 60ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Frederiksberg (Kopenhago) Danlando de la 26ª de julio ĝis la 2ª de aŭgusto 1975

Informoj riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002 Nederlando.

---

## XXXVª I. K. U. E. - KONGRESO

Okazonta en Roma de la 11ª ĝis la 16ª de aŭgusto 1975

Kongresejo estos la moderna, komforta kaj tre alloga Instituto "Domus Pacis".

Krom pri la laboroj de la Kongreso, oni profitos pri la ebleco viziti la neelĉerpeblajn belaĵojn de la Eterna Urbo, kiu en tiu okazo malfermos siajn trezorojn, eĉ tiujn kutime ne facile alireblajn.

Pro la antaŭvidebla granda amaso da partoprenontoj aliĝu senprokraste.

Informas: P. Giacinto Jacobitti, Piazza S. Maria Maggiore, 8 - 00185 ROMA, Italujo.

---

TIP. C. BOLOIX - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 68